# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 9/2/2017 Tricentoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **725,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**Ekzercadi, ekzercadi - egale ĉu oni lernas ludi muzikinstrumenton aŭ paroli lingvon – la ekzercado ne estas evitebla.**





**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

☺ ★★★http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine_★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika Ekzerco 7.



KAJ Subjekto KAJ Objekto KAJ Adjektoj Gramatikaj povas konsisti el unu vorto, el pluraj vortoj, aŭ el unu aŭ pli da vortoj kun epiteto(j), kun suplemento(j), aŭ/kaj kun suborda frazo, aŭ el reduktita frazo aŭ el memstara frazo suborda. Jen ekzemploj:

1). Hundo manĝas viandon nun.

2). La hundo sen la kato manĝas viandon kaj kaĉon.

3). (epitetoj) La granda hundo ofte ludas en la izolita ĝardeno kun nia nigra kato.

4). (suplementoj) La hundo de la najbaro ofte manĝas la manĝaĵon por nia kato post nia foriro.

5). (suborda frazo) Tiu hundo, kiu ne estas nia, ofte manĝas la nutraĵon, kiun postlasis nia kato, en la momento, kiam ni ne ĉeestas.

6). (memstara suborda frazo) Ke li tro drinkas, rezultigos, ke ni devos splitiĝi, kiam ni retrovenos.

7). (reduktita frazo) Fari multe da energia sporto kaŭzas eluzi sian koron anstataŭ vivi longe. (daŭrigota)

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 4an Februaro venis Michael Peters, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kaj Roger Springer

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★





**El Adelajdo** La unua ĉijara klubkunveno en Adelajdo okazis la 1-an de februaro en la kutima loko: Box Factory en la urbocentro. De Indrani ni informiĝis pri la aktualaj financoj, kun Sandor ni priparolis ideojn pri la venontaj du Somerlernejoj/kongresoj de AEA kaj poste ni aŭskultis la interesajn rakontojn de Trevor pri lia marŝo el Brisbano al Darvino en 1993.

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero



Eĉ malgranda informo konatigos vian klubon tra la mondo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA KVIZO PRI LA ANGLA SOLVEBLA PER ESPERANTO.



Kial “To wait longer is not possible” kaj “That he came earlier was lucky” ne devas esti “To wait longer is not possibly” kaj “That he came earlier was luckily” ? ? ? .

Rezono kaj tialo por “possibly” kaj “luckily”: Ja “possibly” referencas al la verbo “wait” en la frazo “to wait longer” kaj ja “luckily” referencas al la verbo “came” en la frazo “That he came earlier”, kaj ne adjektivo sed adverbo difinas la verbon en la angla lingvo?



Demandu al via profesoro pri la angla lingvo kaj eble li scias la ĝustan respondon. Se ne, Esperanto donos la respondon, kvankam Zamenhof ne sciis la respondon kaj sekve diris erare, ke “possible” kaj “lucky” devas en Esperanto esti adverboj.

Solve bonestu respondi en la sekvonta A.E. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Brisbanaj fotoj



Mi ŝatus mencii ke la Brisbanaj fotoj ( en AE 306) estis farataj de Peter Johns. Dum la tuta kongreso li tre diligente ĉeestis kaj fotis ĉion- la prelegoj, koncertoj / teatraĵoj ktp.



Mi supozas ke li estas nia 'oficiala' fotisto kaj mi simple ŝatus danki lin pro la bona laboro kiun li faris!

*Indrani Beharry-Lall*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# AEA informas.



**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

.

**2017-01-26 AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (26/01/2017 – Tago de Aŭstralio) ĉeestis:

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor kaj Erlangga el Indonezio

### (1) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO

Ni kolektis opiniojn pri nia lasta somerkursaro en Brisbano. Preskaŭ ĉiu komento estis pozitiva.
Bv legi pli detalajn komentojn en nia retejo.

### (2) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni komencis la preparadon por la dua trilanda kongreso en Marto 2018 en Bekasi.
Erlangga jam raportis ke kelkaj homoj jam komencis prepari la eventon, ekz. ni jam havas ejon:
**Aston Imperial Bekasi Hotel & Conference Center**,
Jl. KH. Noer Ali No. 177, Bekasi Barat, Kayuringin Jaya, Bekasi Sel., Kota Bks, Jawa Barat 17610, Indonesia
Ni intencas pretigi la flugfolion por la UK en Seulo,…kun la aliĝiloj, prezoj, specialaj gastoj ktp. Ĉiu esploru eblajn artistojn.
Sandor skribos invitleteron al Mark Fettes.

### (3) VINTRAJ KURSAROJ

Ni komencis esplori la ideon starigi kelkajn vintrajn kursarojn dum la longa semajnfino de la naskiĝtago de la reĝino (10/11-a de Junio 2017) Se okazos kelkaj eventoj tra Aŭstralio, ni povos uzi Skajpe por organizi komunan programon.

### (3) AŬSTRALIA/NZ VORTARO – BIRDVORTARO

Ni esploris la eblecon havi ĝin sur nia retejo por ĉiuj.

### (4) NIA HISTORIO

Ni havas nian historion de Ray Ross: komenco – 1985, Terry aldonis 1985-2005
Ĉu ni ĝisdatigu ĝin kaj havebligu ĝin sur nia retejo. Kiu skribu nian historion inter 2005 kaj 2012.

### (5) NIA VENONTA SOMERKURSARO/KONGRESO JANUARO 2019

Ni komencis pensi pri la loko de nia somerkursaro/kongreso en Januaro 2019:
Adelajdo? Novzelando?

### (6) ESPERANTO- DOMO EN MELBURNO

Ni daŭrigis esplori la eblecon aĉeti Esperanto- Domon en Melburno. Diru al ni kion **vi** pensas?

Venonta kunveno: 09/02/2017 je la 16:00 (Melburna tempo)

*Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor*

# Kongreso de la Aŭstralia Esperanto-Asocio



**MIAJ PENSOJ PRI LA KONGRESO** La 6an de Januaro, mi alvenis Internacian Domon ĉe la Universitato de Kvinslando por partopreni en la kongreso de la Aŭstralia Esperanto-Asocio.

La Universitato situas en belaj ĝardenoj apud la Brisbana Rivero. La suno brilis, la birdoj kantis kaj la atmosfero estis amikeca kaj la loĝĉambroj komfortaj.

Ni bonvenigis Esperantistojn ne nur el Aŭstralio, sed du el Novzelando, kvar virinojn kaj unu viron, JoMo, el Francujo kaj unu Indonezianon. Do vere, internacia evento.

Frue ĉiun matenon ni faris Tai Chi ekzercojn bone gvidatajn de Terry Manly

Post matenmanĝo du instruistoj, Hazel Green kaj Franciska Toubale instruis Esperanton al komencantoj kaj progresantoj kaj Trevor Steele instruis kaj informis tiujn, kiuj bone regas la lingvon, pri la historio ne nur de Esperanto sed eĉ de la mondo!

Post tagmanĝo ni havis la ŝancon aŭdi interesajn paroladojn pri multdiversaj aferoj. Tiuj inkluzivis temojn pri Aŭstraliaj birdoj, la Okcitana lingvo, Refuĝintoj en Aŭstralio, Kasteloj en Portugalujo, Artaprezo kaj Terapio per ridado ktp.

La unua vespero estis por interkono kaj informo pri la aktivoj en la kluboj ĉirkaŭ Aŭstralio.



La duan nokton JoMo bonege distris nin per koncerto de tre variaj kantoj el multaj landoj de la mondo. Estis tempo por ne nur ĝui la kantojn sed ankaŭ por danci.

Aliajn vesperojn ni spektis teatraĵeton kaj Indonezian kulturon. La Ludvespero gvidite de Joanne Johns, kie la voĉoj kaj ridoj de ĉiuj estis vera bruego estis tre ĝuinda kaj amuza, specife tiu kartludo “Diru Ne Diru”.

Trevor, kiel kutime, gvidis la aŭkcion

Ekskursoj, kompreneble estis grava parto de la kongreso, do unu vesperon ni ĝuis pramvojaĝon al la centro de Brisbano laŭ la Brisbano-rivero kaj mi devas diri ke Brisbano estas vere bela urbo.

Alia ekskurso estis per aŭtobuso, kaj ni vizitis la Lone Pine Koalo Sanktejon, Mount Coot-ha Belvidejon kaj la Botanikan Ĝardenon, Southbank kaj Kangaroo Point.

Ni vizitis la Brisbanan Art-Galerion, kie Jonathan Cooper informis nin pri diversaj pentraĵoj.



Dum la lasta tago ni honorigis tri Esperantistojn. La unua estis Marcel Leereveld kiu pasintan Decembron, atingis la nekredeblan aĝon de 99 jaroj. Li Esperantiĝis en 1936 kaj de tiam multege laboris por nia bela lingvo, inkluzive kiel instruisto, kiel estrarano, kiel organizanto de kongresoj kiel teamano ĉe Radio 3ZZZ kaj kiel gvidanto de multaj en la ĝusta uzado de la lingvo. Li estas vigla membro de la grupo “La Bona Lingvo” kiu laboras por certigi ke la spirito de Esperanto daŭru.



La aliaj du estis Alan kaj Jennifer Bishop kiuj migris al Aŭstralio el Anglujo antaŭ multaj jaroj, sed bedaŭrinde en Junio reiros al Anglujo. Ambaŭ Jennifer kaj Alan estis membroj de la 3ZZZ teamo, Jennifer estas tre vigla membro de la Melburna klubo kaj multe helpas novajn lernantojn. Alan ĉiam muzikumas ĉe kongresoj, Zamenhofaj vesperoj kaj ofte gvidis la ĥoron en la Internaciaj kongresoj.

Ni finis la kongreson per bankedo ĉe Thai restoracio kaj kun bedaŭro ni diris “adiaŭ” al niaj Esperanto amikoj, sed kun kontento ĉar la kongreso bone sukcesis.



*Heather Heldzingen*

## "Amo inter ruinoj". nova romano




En la eldono de Flandra Esperanto-Ligo aperis nova romano de Trevor Steele: "Amo inter ruinoj". La rakonto de ĉi-230-paĝa libro situas en Sovetunio de 1990-1991. Travis, aŭstraliano, iras al tiu landego serĉante amon, sed suferas grandan seniluziiĝon. Virve, estonino, enamiĝas al ĉarma litovo, sed ankaŭ ŝi spertas amaran perdon. Ĉe Esperanto-kongreso Travis kaj Virve amikiĝas. Ĉu ili povos trovi feliĉon kune malgraŭ ĉiaj obstakloj?
Dume la politika vulkano pli kaj pli proksimiĝas al erupcio. Ĉu ĝi glutos la vivojn de individuaj homoj?
Tiu ĉi romano prezentas mikrokosmon de la giganta rolo, por kiu Esperanto estis kreata. Esperanto ne estas akcesoraĵo en tiu ĉi rakonto, sed absolute centra.

*Informis Katja Steele*

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

## ĈIUJ VERKOJ DE ZAMENHOF ESTAS LEGEBLAJ EN LA RETO



Lige al la 100-a mortodatreveno de Zamenhof, la viena Esperanto-Muzeo celis ĉijare prezenti ĉiujn verkojn de Ludoviko Zamenhof, aperintaj ĝis 1930, kiuj troviĝas en ilia kolekto.
125 libroj jam estas libere kaj senpage legeblaj en la retejo de la muzeo IEMW. Kelkaj ankoraŭ sekvos dum la venontaj semajnoj.
Verkoj (1887-1930) de Ludoviko Zamenhof:
https://www.onb.ac.at/eo/bibliothek/sammlungen/kolekto-por-planlingvoj/digitaj-dokumentoj/ludwik-l-zamenhof/
*Lingvo-Studio, L.S.* www.eventoj.hu

## Dankon Marcel kaj gratulon al Joanne



Mi ĉiam ĝuas legi viajn Gramatikojn Ekzercojn pro la rememorado de tiuj punktoj, kiujn -mi opinias- ke mi sciis kaj por la plej multaj aliaj kiujn mi ankoraŭ ne scias.

Ankaŭ, ni ĉiuj volas gratuli Joanne Johns pro tiel bonega rezulto en la ekzameno. Ŝi estas tre lerta!

*Chris Holliss*



## 3ZZZ





En la elsendo de la 6a de Februaro Marcel proponas pripensigan vidpunkton pri la dua mondmilito,sub la titolo " Ĉu estas Hitler, kiu decidis fari la duan mondmiliton?". Vi ekscios ke la 26a de Januaro estas nacia festo ne nur en Aŭstralio sed ankaŭ en Barato.
Informas la kunvokanto, Franciska Toubale



## La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas

ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



# La ferio finiĝis

La ferio finiĝis kaj la melburnaj esperantistoj rekomencis siajn kutimajn aktivecojn.

Al la unua " Meet up" de la jaro, Dimanĉon la 5an de Februaro, venis dek du homoj, inter ili tri novuloj, kiuj eklernas la lingvon sub la gvidado de Joanne Johns, la organizanto de la renkonto. Ŝi preparis ankaŭ kvizon pri ĝenerala kulturo, kiu cerbumigis la pli spertajn kaj kaŭzis interŝanĝojn pri muziko, geografio , historio ktp

La lernantoj de la Universitato de la 3a aĝo en Knox revenis al la kurso. Sur la listo estas la nomo de tri komencantoj. Nur unu venis al la unua kurso. La aliaj du petis senkulpigon , unu ĉar ŝi ĉeestis entombigon, la alia restis hejme pro la varmego . Ni esperu ke venontan semajnon ni renkontos ilin.

*Franciska Toubale*

# Kiel la eŭropanoj aĉigas Esperanton.



Jen alia ekzemplo de mallogikaj eŭroplingvaĵoj puŝitaj en Esperanton.

Kiam mi demandas al vi "Kial ŝi foriris?", mia demando estas "la kialo", ĉar ĝi estas "kial". Kaj vi respondas al mia kialo, al mia speciala demando pri ŝia foriro.

La demando do estas speciala demando, demando pri "kial". Speciala demando pri "kiel", pri la maniero en "kiel vi vojaĝos?", estas la kielo, ĉi tie la kielo pri via vojaĝo. Via respondo al mia kielo estas "Per aŭtobuso". Via respondo estas "tiel". Tiel same pri la demando pri la tempo, mia "kiamo". Mia kiamo pri la aŭtobusvojaĝo, ekzemple. Kaj same pri mia demando pri la "kieo", kiam mi demandas "Kie vi elaŭtobusiĝos?" Kaj same pri la aliaj Korelativoj.

Estas komprenebla, ke oni tre malofte uzas "la kialo" kaj "la kielo", k.t.p. Kutime oni uzas la vorton "demando", do "mia demando pri la loko" anstataŭ "mia kieo de la elaŭtobusiĝo", k.t.p.

Sed pli ofte uzatas la substantivigita korelativo por la respondo. Via respondo al mia kialo, al mia demando "Kial ŝi foriris?", estas "Ĉar ŝi devas labori", aŭ "tial". Via respondo do estas la "tialo", la tialo de ŝia foriro. Kaj tiu vorto "tialo" ofte uzatas, ĉar ne ekzistas alia vorto en Esperanto; Zamenhof forgesis fari iun, apud rezono kaj argumento. Por "tielo" kaj "tiamo" kaj "tieo" kaj aliaj li faris vortojn, nome maniero, tempo, loko, k.t.p., kvankam estas nuanca signifodiferenco inter tiuj kaj ĉi tiuj vortoj.

La eŭropa aĉaĵo enkondukita en Esperanton estas, ke eŭropaj lingvoj, pro Latino, malĝuste uzas "la kialo" kaj "la kielo" k.t.p. por "la tialo" kaj "la tielo" k.t.p. Ekzemple en la angla "the why" kaj "the how" k.t.p. Bonŝance ekzistas Esperantistoj kiuj komprenas la eraron kaj tial uzas "la tialo", la respondon "tial", kaj ne "la kialo" kio signifas la demandon. Do "kiu estas via tialo por lerni Esperanton?". Kaj vi respondas "Tial", aŭ "ĉar ĝi estas logika lingvo". Tiu estas via tialo, aŭ via "ĉaro", kiun lastan vorton oni kompreneble ne uzas nek bezonas uzi.

*Marcel Leereveld.*

